







# IRANA ESPERANTISTO

# پیام سبزاندیشان

IREA
Irana Esperanto-Asocio

Kultura sezon-revuo en la persa kaj Esperanto
N-ro: 20, Dua Serio, Vintro 2017

فصلنامه‌ی فرهنگی دوزبانه‌ی فارسی - اسپرانتو
شماره ۲۰، دوره دوم، زمستان ۱۳۹۵



## La 4-a Irana Esperanto-Kongreso
## Majo 5, 2017 - Tehrano

## چهارمین کنگره اسپرانتوی ایران
## ۱۵ اردیبهشت ۱۳۹۶ - تهران

*Je la nomo de Dio*

IRANA ESPERANTISTO

Pajam-e Sabzandiŝan
(Mesaĝo de Verdpensuloj)
ISSN 1728-6174

IRANA ESPERANTISTO
Kultura kaj sendependa sezon-revuo internacia
Dua serio, N-ro 20, Vintro 2016

Bonvenas eseoj, artikoloj, raportoj kaj kontribuaĵoj kondiĉe ke ili ne estu publikigitaj antaŭe. Bonvenas kultur-temaj kontribuaĵoj ĉu en Esperanto ĉu en la persa.

***



به نام خداوند جان و خرد

پیام سبزاندیشان

فصل‌نامه‌ی پژوهشی - فرهنگی دوزبانه‌ی فارسی و اسپرانتو

دوره دوم، شماره بیستم، زمستان ۱۳۹۵
شماره استاندارد بین‌المللی (ISSN):
۱۷۲۸-۶۱۷۴
تاریخ انتشار نخستین شماره: پاییز ۱۳۸۱



گرافیک وحروفچینی: سبزاندیشان

نشانی‌ها:
پایگاه اینترنتی: www.espero.ir
پست الکترونیک: info@espero.ir

## همکاران تحریریه این شماره:

- علی مرادی
- کیهان صیادپور
- سیمین عمرانی
- علی اصغر کوثری
- احمدرضا ممدوحی
- سجاد دشتی
- حمزه شفیعی
- نازی صولت
- امیر فکری
- منیره فهمی
- حامد صوفی

## Mallongigoj uzitaj en ĉi tiu numero

IREA: Irana Esperanto-Asocio
IREJO: Irana Esperantista Junulara Organizo
IREK: Irana Esperanto-Kongreso
IRLEI: Irana Ligo de Esperantistaj Instruistoj
UK: Universala Kongreso



## Kontribuantoj ĉi-numere

* Ali Moradi
* Keyhan Sayadpour
* Simin Emrani
* Ali Asghar Kousari
* Ahmadreza Mamduhi
* Saggad Daŝti
* Hamzeh Shafiee
* Nazi Solat
* Amir Fekri
* Monire Fahmi
* Hamed Sufi




**Kovrila Paĝo:**
Okaze de la 4-a Irana Esperanto-Kongreso
(IREK-4)

**Lasta Paĝo:**
Fotoj de eko-muzeo Saravan

**طرح روی جلد:**
به مناسبت برگزاری چهارمین کنگره اسپرانتوی ایران
**طرح پشت جلد:**
تصاویری از مقاله مرتبط با اکوموزه سراوان



# En ĉi tiu numero:

# در این شماره:



## Antaŭ ol ĉio...

Jen la unua numero de la revuo en la jaro 2017.

Ankaŭ en tiu ĉi numero vi trovos kolekton da artikoloj kaj rakontoj kiuj estas preparitaj kaj senditaj de niaj karaj legantoj.

La ĉefa artikolo estas la teksto de prelego farita pere de s-ro Mamduhi en IREA-Oficejo oktobre 2015. Sed en tiu ĉi numero, vi trovos alian preleg-tekston kiu apartenas al s-ino Solat, la preleganto pri ekomuzeo en Gilan-Provinco kun belaj fotoj de ĝi.

Post mallonga paŭzo, niaj legantoj povas denove ĝui legadon de rakontoj en "Florejo de Sa'dio" tradukita pere de d-ro Sayadpour.

Feliĉe, dum la pasinta sezono, ni ricevis kelkajn bonajn verkojn de niaj karaj amikoj inter ili ges-roj Fahmi, Kousari, Fekri, Moradi kaj Daŝti. Parton de iliaj verkoj estas prezentitaj en tiu ĉi numero, kaj la reston ni aperigos en venontaj numeroj.

Ne indas fini la antaŭparolon ne menciante pri la grava evento de IREK-4, kiu okazos la 5-an de Majo 2017 en Tehrano. La belan emblemon de la kongreso vi trovos sube. Por pliaj informoj pri la kongreso kaj aliĝi ĝin, nepre vizitu la ret-paĝaron de Irana Esperanto-Asocio: www.espero.ir.

Ĝis la posta numero!

Via; Hamzeh Shafiee

## قبل از هر چیز...

شماره زمستان و آخرین شماره مجله در سال ۱۳۹۵ را حضورتان تقدیم می‌کنیم.

در این شماره نیز مطالب دریافتی و متن برگردان شده سخنرانی‌های صورت گرفته در قالب برنامه "سخنرانی ماهانه" را همراه با چند خبر و مطلب کوتاه دیگر ملاحظه خواهید فرمود.

مطلب اصلی این شماره، متن سخنرانی آقای ممدوحی با عنوان "درباره سخنرانی" است که در مهرماه سال گذشته در دفتر انجمن اسپرانتو ارائه شد. در این شماره، البته سخنرانی دیگری نیز به متن تبدیل شده است که سرکار خانم صولت با عنوان "اکوموزه سراوان" در تاریخ ۱۵ آذرماه سال جاری ارائه نمودند.

پس از وقفه‌ای چند شماره‌ای، در این شماره مجددا بخش دیگری از ترجمه گلستان سعدی توسط جناب دکتر صیادپور را می‌توانید مطالعه نموده و از نثر زیبای آن لذت ببرید.

خوشبختانه در فاصله انتشار شماره قبل تا آماده شدن این شماره مطالب خوبی از دوستان اسپرانتودان دست به قلم، به‌ویژه سرکار خانم فهمی و آقایان کوثری، فکری، مرادی و دشتی دریافت شد که بخشی از آنها در صفحات همین شماره قرار داده شده و مابقی آنها نیز در شماره‌های آینده تقدیم حضور خوانندگان گرامی مجله خواهد شد.

و ذکر دوباره این نکته خالی از لطف نیست که چهارمین کنگره اسپرانتوی ایران در اردیبهشت ماه سال آینده در تهران برگزار خواهد شد. آخرین اخبار و اطلاعات در این خصوص را در سایت انجمن، گروه‌های موجود در شبکه‌های مختلف اجتماعی و همچنین در شماره آتی مجله پیگیری نمایید.

از همه کسانی که با ارائه مقالات و مطالب خود جهت درج در مجله به غنی شدن محتوای آن یاری می‌رسانند سپاس فراوان خود را تقدیم می‌کنیم. امیدواریم این همراهی و همکاری روزافزون باشد.

منتظر مطالب شما برای شماره بعدی مجله هستیم.

با احترام، حمزه شفیعی

La 4a Irana Esperanto-Kongreso

Temo: *Efektiva Interkompreno por Daŭra Paco*

5-a de Majo, 2017

# IREA FESTIS LA ZAMENHOF_TAGON EN TEHRANO



Marde la 23-an de Azar-monato okazis Esperanto-tago(tago de Esperanto-libro) en IREA oficejo kaj partoprenis kelkaj malnovaj geesperantistoj krom tri novaj esperantistinoj.

Programo komencis je la kvina horo posttagmeze kaj konsistis el kvar diversaj sesioj:

1- S-ro Dr-o Sayadpour montris lastan parton de bildaro, titolite Nostalgio,

2- S-ino Solat prezentis paroligan sesion en kiu multaj ĉeestantoj inkluzive novulinoj aktive partoprenis.

3- S-ro Mamduhi prelegis pri "Zamenhof kaj aliaj Grandeguloj"

4- S-ro Fekri legis sian tradukaĵon pri Zamehof.

Fine je la oka horo oni prenis komunan fotojn kaj finiĝis la festo.

# NEDERLANDA E-ISTO EN IREA-OFICEJO



Hans Adriaans, Nederlanda Esperantisto, vojaĝis al Irano inter la 25-a de februaro ĝis la 3-a de marto.

Dimanĉe la 26-an de Februaro, Du tagoj post la alveno al Tehrano, li ĉeestis la kutiman programon "Monata prelego" en IREA-Oficejo. Dum la kunsido en kiu partoprenis 14 geesperantistoj, Hans parolis pri sia E-agado, Nederlando, kaj la Esperanto domo en Maastricht. Poste li respondis demandojn de partoprenantoj kaj interparolis kun la ĉeestantoj.

3an de okt. 2015, en IREA,
ĉe Hor-Placo, Tehrano

# Pri Prelegado

Okaze de la 10-jariĝa festo
por la serio de Monataj Prelegoj de
IREA (Irana Esperanto-Asocio),
iniciatitaj kaj organizitaj far d-ro Keyhan Sayadpour

Prelego de Ahmad Reza Mamduhi

## Kio estas Prelego aŭ Parolado?

Prelego estas ĉeesta kaj ofte unu-direkta komunikado inter la homoj. Ĝi povas ĉe-fine havi D&R kaj iom fariĝi dudirekta komunikado.

La ĉeesta eco de prelego ebligas komunikadon ne nur de vortoj - kio povus okazi ankaŭ per nura teksto aŭ sonbendo - sed de voĉ-tono kaj eble pli grave korpo-lingvo.

Fakte, laŭ la teorio de prof. Albert Mehrabian - ja se temas pri emocia komunikaĵo, kiel li mem kaj multaj aliaj rimarkis multfoje - nur 7% de la komunikaĵo okazas dank' al la vortoj, la resto, t.e. 93% komunikiĝas pere de parol-tono kaj korp-gestoj.



## Prof. Albert Mehrabian



Albert Mehrabian (naskita 1939 en armena familio en Irano), nuntempe emerita profesoro pri psikologio, en UCLA en Usono), fariĝis konata mond-skale plej bone per liaj publikaĵoj pri la relativa graveco de vortaj kaj nevortaj mesaĝoj. Plejofte liaj rezultoj pri transdono de mesaĝoj pere de sentoj kaj sintenoj estis mis-cititaj dum hom-komunikadaj seminarioj tutmonde, kaj ankaŭ fariĝis konataj kiel "la regado de 7%, 38% kaj 55%".

Laŭ Mehrabian, tri elementoj respondecas iamaniere pri nia simpatio pri la persono, kiu prezentas mesaĝon koncerne ties sentojn: vortoj respondecas nur pri 7%, voĉ-tono respondecas pri 38%, kaj korpo-lingvo respondecas pri 55% de la simpatio.

## Albert Mehrabian VVV aŭ 3 V-oj




Fama verko de prof. Mehrabian ĉi-rilate:

**"Silent Messages" -- A Wealth of Information About Nonverbal Communication (Body Language)**

Mehrabian, A. (1981). Silent messages: Implicit communication of emotions and attitudes. Belmont, CA: Wadsworth (nune distribuata per Albert Mehrabian, am@kaaj.com)



# Kial vidi povas pli efiki ol aŭdi?

Eble kialo malantaŭ tio estas la fakto, ke:
La nombro de la nervoj inter okuloj kaj la cerbo estas 22-oble pli ol tiuj inter la oreloj kaj la cerbo.[1]



| Vorto | Vido | Voĉo |
|---|---|---|
| 7% | 55% | 38% |

*“Body language is a very powerful tool. We had body language before we had speech, and apparently, 80% of what you understand in a conversation is read through the body, not the words.” - Deborah Bull* [2]

Deborah Bull, (1963-) estas angla dancisto, verkisto, kaj dissendanto kaj iama kreiva direktoro de la Royal Opera House. Ekde 2012 ŝi estis direktoro de Cultural Partnerships en King's College.

Naskita en Derbio, kaj edukite en Kent kaj Lincolnshire, ŝi studis dancon de la aĝo de sep, unue loke, kaj tiam, pere de la rekomendo de ŝia instruisto, ĉe la Reĝa Baleta Lernejo. Dum en la lernejo ŝi gajnis la 1980 an premion de “Prix de Lausanne”, la prestiĝan internacian baletkonkuradon.

*1- http://sokhanrani.org/portal/?p=2664*

*2- https://www.brainyquote.com/quotes/quotes/d/deborahbul241310.html*

# Prelego antaŭ skribado

Samkiel ĉiuj naturaj lingvoj unue evoluis parole kaj nur multe pli poste, skribe - se fakte ili havigis al si tion iam (t.e. alfabeton) - ankaŭ prelegoj havas pli longan historion ol skribitaj tekstoj kiel artikoloj, eseoj kaj libroj.



# Prelego en E-ista mondo

En nia E-ista mondo, prelego ja asociiĝas kun noblaj nomoj kiel tiuj de d-ro Zamenhof mem, Edmond Privat kaj Ivo Lapenna, en pasintaj generacioj, kaj John C. Wells and Humphry Tonkin en la nuna.

Por konvinkiĝi, ke la forto de bonaj prelegoj kaj prelegistoj estas restemaj kaj nesenvalidiĝeblaj, nur sufiĉas, ke ni atentu kelkajn el la jam malnovaj famaj prelegoj de tiuj elstaraj vizaĝoj.





# Kio estas prelego?



Prelego laŭ la difino de PIV estas: "instrua aŭ kleriga parolado, kies scienca nivelo estas malpli alta ol tiu de lekcio".

Laŭ la iom alinuanca difino de Reta Vortaro temas pri: "parolado forme simila al lekcio, kiu tamen povas esti adresita al pli vasta aŭ malpli konstanta publiko".

EKZEMPLOJ:

„ Mia prelego temos pri Zamenhof. ”

„ Je la naŭa horo la politeknikisto komencis sian prelegon. ”

# Kio estas lekcio?

LEKCIO laŭ la difino de PIV estas:
" leciono en formo de scienc-instrua parolado en universitato aŭ alia samranga instituto. Ĝin kutime prezentas universitata profesoro aŭ docento."

**Origino**

La nomo "lekcio" - de la latina vorto legere ("kolekti", "elekti", "legi") - ekestis en la frua epoko de universitatoj en la eŭropa mezepoko, kiam libroj ankoraŭ ne estis presitaj, sed nur manskribitaj originaloj. La lekcio ĉefe konsistis en tio ke la docento legis el propraj aŭ fremdaj verkaĵoj kaj komentis ilin.

# Diferenco kun lekcio

Diferenco inter lekcio kaj prelego

Koncepto tre simila estas tiu de prelego: laŭ la difino de Reta Vortaro temas pri "parolado forme simila al lekcio, kiu tamen povas esti adresita al pli vasta aŭ malpli konstanta publiko".

## Plej taŭgaj temoj por prelegoj




# Oratoro

Oratoro en esperantlingvaj vortaroj kiel PIV aŭ Reta Vortaro estas:
homo, kiu kutimas publike paroladi: juĝeja, politika, eklezia oratoro
La vorto konatiĝis aparte en la latina formo orator ("parolisto") en la Romia Imperio. En la klasika teorio de retoriko (de la greka vorto por oratoro, Ρήτορας [Retoras]), la vorto oratoro estas fakvorto por "strategia komunikisto". Sekve la retorika praktiko estas "la rego de sukcesorientitaj komunikaj metodoj" (laŭ Joachim Knape, origine germane die "Beherrschung erfolgsorientierter strategischer Kommunikationsverfahren"). Homo en rolo de oratoro komunikas por konvinki la aŭskultantaron pri la graveco kaj subtenindeco de certa celo, greke nomata τέλος, do "telos". Dum retorikisto estas tiu kiu instruas publikan paroladon, oratoro estas tiu kiu publike praktikas ĝin.



## Modernaj oratoroj en la 20-a jarcento

- Winston Churchill
- Charles de Gaulle
- Joseph Goebbels
- Adolf Hitler
- Benito Mussolini
- Franklin D. Roosevelt
- Daniel Webster
- William Jennings Bryan
- Frederick Douglass
- Ralph Waldo Emerson
- Patrick Henry
- John F. Kennedy
- Martin Luther King
- Abraham Lincoln
- Richard M. Nixon
- Barack Obama
- Ronald Reagan
- Malcolm X



*Winston Churchill*



*Richard M. Nixon*

# Graveco de prelegoj: Paroladskribisto

Paroladskribisto estas fantoma verkisto, kiu estas specialigita verki paroladojn por aliaj personoj. Paroladskribistoj ekzistas jam de li ol du mil jaroj. En la antikva Grekio la t.n. logografoj havis gravan funkcion kiel verkistoj de paroloj antaŭ tribunalo. Hodiaŭ oni devas pagi por ekonomia parolado inter 1.500 eŭroj (simpla kaj mallonga prelego) kaj 50.000 eŭroj (festparolado de konzerno[1]).

*1- Konzerno estas organizo de financa interligo inter membraj, sendepende restantaj entreprenoj al ekonomia unuo kun unueca gvidantaro. La unuopaj entreprenoj estas samrangaj.*

# Paroladskribistoj de famaj parolantoj

- Jon Favreau, paroladskribisto de Barack Obama
- Joseph Merrick Jones, paroladskribisto de Harry S. Truman
- Ted Sorensen, paroladskribisto de John F. Kennedy
- Michael Mertes kaj Rolf Braun, paroladskribisto de Helmut Kohl
- Dieter Mahncke, paroladskribisto de Karl Carstens
- Reinhard Hesse, paroladskribisto de Gerhard Schröder
- David Gill kaj Wolfram Stierle, paroladskribisto de Joachim Gauck



*Barack Obama*



*John F. Kennedy*

# Fantoma verkisto

Fantoma verkisto (litera traduko de la angla "ghostwriter"), ankaŭ nomita "negra" en Hispanio kaj Francio, estas profesia verkisto kiun dungas persono aŭ firmao por verki: aŭtobiografiojn, fabelojn, artikolojn, romanojn aŭ aliajn verkojn sen esti menciita kiel ĝia aŭtoro. Aktoroj, famuloj kaj politikistoj relative ofte dungas fantoman verkiston por verki tekstojn. Foje la fantoma verkisto estas menciita kiel "kunlaboranto".

**Ekzemploj**

- Alan Dean Foster verkis romanon pri Stelaj Militoj (Star Wars). George Lucas estis menciita je ĝia kovrilo.
- Terry Bisson verkis la romanon Saint Leibowitz and the Wild Horse Woman por Walter M. Miller.
- Giovanni Gentile verkis "La doktrino de la Fascismo". Mussolini estis por ĝi "honorigita".



*George Lucas*

# La unuaj famaj prelegistoj

## Sokrato kaj Platono





La Apologio de Sokrato, verkita de Platono inter 393 kaj 389 a.K., estas teksto kie la filozofo memoras la ankoraŭ ĵusan proceson kontraŭ Sokrato (399 a.K.). La verko prezentas la defendon de Sokrato antaŭ la atena tribunalo. Oni povas distingi tri partojn: la memdefenda parolado de Sokrato, apologio en la strikta senco (17a1-35d8), la parolado de Sokrato, jam deklarita kulpa, por peti alternativan punon (35c1-38c9), kaj finfine, la vortoj adresitaj de Sokrato, kondamnita al mortpuno, al la juĝistoj (38c1-42a5).

# La unuaj prelegistoj

## Parolado pri memvola servuto

La "Parolado pri memvola servuto" (franclingve: Discours sur la servitude volontaire) estas fama teksto verkita de la dekokjara humanisto Etienne de la Boetie en 1549, kaj publikigita unuafoje en 1576. En tiu verko la aŭtoro klarigas, ke ĉiuj sklavoj mem kulpas pri sia situacio, ĉar ili ŝatas ĝin, kaj tute ne klopodas por forpeli sian subpremanton, kaj ili provizas mem la obeigistojn de la tirano kaj civila malobeo. Ĝi estis esperantigita de Roland Levreaud, kaj publikigita de SAT-Amikaro en 1994.



# Ernest Renan

Joseph Ernest Renan (1823-1892), estis franca verkisto, filologo, filozofo kaj historiisto.

Kiam li vivis, Ernest Renan estis precipe konata, kiel la aŭtoro de la populara Vivo de Jesuo. Tiu libro enhavas tre debatitan tezon, laŭ kiu la biografio de Jesuo devas esti priskribata, kiel tiu de iu ajn homo kaj la Biblio devas esti submetata al kritika ekzameno, kiel iu ajn historia dokumento. Tio estigis pasiajn debatojn kaj la koleron de la katolika Eklezio.



Renan famiĝis pro la difino de nacio, kiun li donis en sia parolado en 1882 « Kio estas nacio? ». Dum la germanaj filozofoj, kiuj Fichte estis difinintaj la nacion laŭ okjektivaj kriterioj kiaj la « raso » aŭ la etna grupo (la Popolo), havanta komunajn karakterizojn (la lingvo por ekzemplo), Renan difinis ĝin simple per **la volo kune vivi**. En la kunteksto de la kverelo pri la aparteneco de la regiono Alzaco-Loreno, li deklaris, ke la ekzisto de nacio dependas de «ĉiutaga plebiscito».
La difino de Renan plaĉis al Edmond Privat, kiu trovis ĝin tute taŭga por la esperantistaro. Ĝi estis elektita kiel la slogano de la unua Forumo por la Esperanta Civito (1998).

# Famaj paroladoj

## Truman-doktrino:



La Truman-doktrino estis politika strategio de Usono por kontraŭstari sovetian ekspansion. Ĝi estis proklamita de la tiama prezidento de Usono Harry S. Truman dum lia parolado al la Kongreso de Usono la 12an de marto 1947. En sia parolado Truman diris, ke devis esti principo de la ekstera politiko de Usono, "apogi liberajn popolojn, kiuj estas minacitaj de armitaj malplimultoj aŭ de eksteraj premoj". La Truman-doktrino iĝis la fundamento de la ekstera politiko de la prezidento kaj metis Usonon en la rolon de tutmonda policano. La Truman-doktrino finis la militaliancon inter Usono kaj Sovet-Unio kaj iĝis la bazo de la amerika malvarmmilito-politiko ĉie en Eŭropo kaj en la mondo.

## Martin Luther King:



Revon havas mi (origine anglalingve I Have a Dream) estas la nomo populare donita al historie grava publika parolado (pli specife: diskurso) farita de Martin Luther King pri lia deziro de harmonia kunekzistado de blankuloj kaj nigruloj kiel egaluloj. Ĝi okazis je la 28-a de aŭgusto 1963 antaŭ la Monumento de Lincoln en Vaŝingtono dum la Marŝado al Vaŝingtono por Laborpostenoj kaj Libereco kaj signas ŝanĝopunkton de la Usona Movado por Civilaj Rajtoj. Ĝi estas konsiderata unu el la plej bonaj registritaj paroladoj en la historio.
La parolado citis el pluraj fontoj inkluzive de la Biblio kaj la Usona Konstitucio. Jen unu el la plej famaj partoj de ĝi:
**“Revon havas mi, ke iun tagon ĉi tiu nacio leviĝos kaj vivos laŭ la vera signifo de sia kredo: ‘Ni taksas jenan veraĵon memevidenta: ke ĉiuj homoj estas kreitaj egalaj.’”**

## Abraham Lincoln:



“La Diskurso apud Gettysburg” estas parolado de usona prezidento Abraham Lincoln de la 19-a de novembro 1863 dum la Usona Enlanda Milito je la okazo de la dediĉo de la Nacia Tombejo de Soldatoj ĉe Gettysburg, Pensilvanio. Ĉi tiu tombejo lokiĝis kie la grandega batalo de Gettysburg estis batalita kie pli ol 23,000 usonaj soldatoj mortiĝis, vundiĝis, aŭ kaptiĝis. La mallonga parolado konsistas el nur 10 frazoj kaj 272 vortoj. Tamen, kun la parolado "Mi Havas Revon" de Martin Luther King, ĝi estas ofte konsiderita unu el la plej grandaj paroladoj en la angla lingvo. Ironie la parolado de Lincoln ne estis la ĉefparolado de la tago. Ĉi tiu honoro apartenis al ŝtatisto Edward Everett, kiu estis konsiderita tiutempe la plej bona usona oratoro. Lia parolado daŭris du horojn, sed aktuale estas malfama. Post la ceremonio, Everett laŭdis Lincoln-n en letero en kiu li diris, "Mi devus esti gaja se mi povus memflati ke mi venis mi apenaŭ alproksimiĝ la centran ideon de la okazo, en du horoj, kiel vi faris en du minutoj."

# Unu versio de “La Diskurso apud Gettysburg”

“Antaŭ kvar dudekoj kaj sep jaroj, niaj patroj fondis sur ĉi tiu mondoparto novan nacion, kiu estis konceptita en libereco kaj dediĉita al la propono ke ĉiuj homoj estas kreitaj egalaj. Nun, ni engaĝiĝas en grandega enlanda milito por ekscii ĉu tiu nacio, aŭ iu nacio, tiele konceptita kaj dediĉita povas longtempe daŭri. Ni kunvenis sur grandegan batalkampon de ĉi tiu milito. Ni venis por dediĉi parton de ĉi tiu kampo kiel fina ripozejo por tiuj kiuj ĉi tie donis sian vivon por ke tiu nacio vivu. Estas tute taŭge kaj konvene ke ni farus tion. Tamen, en pli granda senco, ni ne povas dediĉi, ni ne povas sanktigi, ni ne povas beni, ĉi tiun terenon.“
“La kuraĝuloj, ĉu vivaj ĉu mortaj, kiuj luktis ĉi tie sanktigis ĝin multe pli altnivele ol povus nia mallerta kapablo pligrandigi aŭ malgrandigi ĝin. La mondo apenaŭ atentos kaj nelongtempe memoros tion, kion ni diras ĉi tie, sed ĝi neniam

povos forgesi tion, kion ili faris ĉi tie. Estas por ni vivantoj, male, esti ĉi tie dediĉitaj al la nekompleta laboro, kiun tiuj kiuj batalis ĉi tie jam tiel noble progresigis. Estas, male, nia devo dediĉiĝi al la grandega restanta tasko antaŭ ni; ke ni ekhavu de ĉi tiuj honorindaj mortintoj eĉ pli altan inspiron por la kaŭzo por kiu ili donis sian finan, plenan mezuron de sindono, ke ni ĉi tie plej solene decidu ke ĉi tiuj mortintoj ne mortis vane; ke ĉi tiu nacio sub Dio havu novan naskigon de libereco; kaj ke regado de la popolo, fare de la popolo, kaj por la popolo ne malaperos de la tero. “

# Efikoj de Paroladoj

## Henri MARESQUELLE

Henri MARESQUELLE [mareskel] (1866-?) estis franca esperantisto kaj licea profesoro.

Post parolado de Bourlet[1] [burle] (1903), Henri MARESQUELLE fondis grupon en Nancy, tre gravan en tiu tempo (pli ol 100 anoj), kaj gvidis publikan kurson en la granda amfiteatro de la Scienca Fakultato; poste propagandis en la tuta regiono.

## en Legnica

Legnica estas urbo Pollando. Ĝi estas urbo kun rajto de distrikto.

Rilate al Esperanto-movado:

Kuracisto Stolper kaj Edmund Schulz el Schweidnitz sukcese propagandis Esperanton tie per publika parolado en 1910 kaj varbis 21 anojn por kurso, gvidota de Edmund Schulz, prezidanto de la grupo en Schweidnitz. Post finiĝo de kurso fondiĝis grupo. Prezidanto estis s-ro Fraedrich, kunvenoj ĉiumarde en „Alter Fritz” je la 8-a. Ĉirkaŭ julie, en multnombre vizitita publika kunveno Georg Mahn el Breslau pritraktis kun bona sukceso la problemon de internacia helpa lingvo.

## Charles MÉRAY

Charles MÉRAY (mere), (1835-1911) estis franca fama matematikisto kaj esperantisto.

Méray instruis pri matematiko en la Fakultato en Lyon (1866) kaj en Dijon (1867). li estas aŭtoro de tute originala traktato pri infinitezimala analizo, elpensinto de nova metodo por instruado de geometrio.

Li hazarde eksciis pri Esperanto ĉe parolado farita en 1900 de lia kolego Charles Lambert.

Lia akra kaj penetrema spirito estis tuj frapita de la genia kreaĵo de L. L. Zamenhof. Arde li sin ĵetis en la bataladon multigante paroladojn, gazetajn artikolojn, leterojn, personajn klopodojn por diskonigi Esperanton en ĉiuj sciencaj rondoj: tiel li gajnis fervorajn adeptojn ne nur en la Diĵona Universitato, sed en la Scienca Akademio, en la Pariza Universitato kaj la Parizaj liceoj. Li varbis generalon Sebert, kiu jam antaŭe aprobis la ideon, Carlo Bourlet, Charles Laisant, Paul Appell, d-ron Bouchard, dekanon Recoura, rektoron Émile Boirac, prof. Lepine, ktp. Resume li estis la granda propagandisto inter la scienculoj.

## Ĉefo Seattle

Ĉefo Seattle [Sjetl, Sje'l] aŭ Seathl (en la moderna ortografio de la propra lingvo si?ał) estis ĉefo de la indianaj triboj Suquamish kaj Duwamish.

Li naskiĝis proksimume en 1786 sur insulo Blake Island en Vaŝingtonio kaj mortis la 7-an de junio 1866 en la rezervejo de la Suquamish-indianoj ĉe Port Madison (nun Bainbridge Island).

La repliko de Ĉefo Seattle

Seattle konatiĝis nelaste pro parolado, kiun li faris en januaro 1854, kaj kiun raportis d-ro Henry A. Smith en la ĵurnalo Seattle Sunday Star pli ol tridek jarojn poste, en 1887. La parolado estas nomata "repliko", ĉar ĝi estis reago al parolado de Isaac M. Stevens, teritioria guberniestro (Vaŝingtonio iĝis usona ŝtato nur en 1889).

Smith ĉeestis la paroladon, kiu daŭris proksimume duonhoron, sed ne komprenis la lingvon de Seattle. Li iom, sed ne bone, scipovis la ĉinukan piĝinon de la regiono, kaj ne estas klare, ĉu kaj kiom da traduko al la ĉinuka estis farita, kaj kiom Smith do povis kompreni. Evidente la stilo en la raportita parolado ne povis esti tiu de Seattle, sed estis de Smith. Sed la publikigita parolado ĝis nun trovas vastan atenton kaj igis ĉefon Seattle profeteca figuro de la ekologiisma movado.

## Henri DOR

Henri DOR (1835-1912) estis svisa doktoro de medicino, okul-kuracisto kaj prezidanto de Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (TEKA).

Dor estis fama oftalmologo: Li studis en dek Universitatoj de sep landoj; en 1866 vokita de la Berna Universitato, li direktis tie la instruadon de la oftalmologio. En 1876, vokita de Lionaj profesoroj, li fondis gravan senpagan oftalmologian klinikon, kiun li direktis ĝis sia morto. Li estis prezidanto de "Medicinaj Sciencoj" ktp.

Li estis sciencemulo, artemulo kaj ankaŭ poligloto.

*1- Carlo BOURLET [burle] (1866-1913 en Annecy pro malbonŝanca engluto de fiŝosto) estis franca profesoro, sciencisto kaj esperantisto.*

Li flue parolis kaj skribis dek unu modernajn lingvojn, kaj legis la latinan kaj la grekan. En 1902, jam 67-jara, post parolado de Émile_Boirac en Liono (Lyon), li aliĝis al Esperanto, kaj estis unu el la unuaj membroj de la Liona grupo, baldaŭ li prezidis ĝin, poste li fariĝis vicprezidanto de SFPE kaj rapide akiris nediskutatan aŭtoritaton. En 1908 li estis kunfondinto de TEKA, kies prezidanto li restis ĝis la morto; li redaktis ĝian oficialan bultenon. Li propagandis per paroladoj kaj gazet-artikoloj, kaj igis favoraj al Esperanto multajn scienculojn. Pro lia aĝo, lia boneco, la glorkrono de liaj blankaj haroj ĉirkaŭ nobla alta frunto, oni nomis lin "la patriarko de la dua generacio de Esperantistoj". De 1905 li estis membro de la Lingva Komitato.

## Parolado de Reinhard Selten en la Eŭropa Parlamento



La 9-an de majo 2007, en la eŭropa tago, EU solenis la kvindekjariĝon de la Traktato de Romo kaj invitis Nobel-premiitojn paroli en la Eŭropa Parlamento. Inter ili troviĝis Reinhard Selten.

En sia parlamenta parolado li argumentis por la bezono de plia ekonomia integriĝo kaj fortigo de la eŭropa identeco. Ĉefa malhelpo por komuna eŭropa identeco laŭ li estas la lingva baro, kiun oni povus malaltigi per lernado de Esperanto kiel la unua fremda lingvo.


libera folio
SENDEPENDA MOVADA BULTENO
Serĉi

Hejmo | movado | en la reto | kulturo | vidpunkto | kolofono | subtenu

Vi estas ĉi tie: Hejmo / 2007 / La parolado de Reinhard Selten en Eŭropa Parlamento

La parolado de Reinhard Selten en Eŭropa Parlamento

de Redakcio — Laste modifita: 2007-05-26 22:11

Libera Folio kiel la unua amaskomunikilo en la mondo publikigas la kompletan tekston de la parolado, farita de Reinhard Selten en la Eŭropa Parlamento. La 9-an de majo, en la Eŭropa tago, EU solenis la kvindekjariĝon de la Roma traktato kaj invitis Nobel-premiitojn paroli en la Eŭropa Parlamento. Inter ili troviĝis la esperantisto Reinhard Selten, kiu ricevis la premion pri ekonomiko en 1994. En sia parlamenta parolado li argumentis por la bezono de plia ekonomia integriĝo kaj fortigo de la eŭropa identeco. Ĉefa malhelpo por komuna eŭropa identeco laŭ li estas la lingva baro, kiun oni povus malaltigi per lernado de Esperanto kiel la unua fremda lingvo. Ni dankas al la gazetara servo de la Eŭropa Parlamento, kiu provizis sonregistrajon de la parolado de Reinhard Selten, kaj al Bertilo Wennergren kaj Ziko van Dijk, kiuj deĉifris kaj tradukis la tekston.

Gesinjoroj!

Estas por mi honoro kaj ĝojo paroli al vi hodiaŭ.

En la 50 jaroj post la Traktato de Romo la ekonomia integriĝo mirinde progresis. Daŭris tre longe, sed fundamentaj ŝanĝoj estas politike plenumitaj. Multon oni longe rigardis kiel neeblan, kiel ekzemple la Mona Unio. La Mona Unio montriĝis granda sukceso. Tion oni devas aparte danki al la sendependeco de la Eŭropa Centra Banko kaj al ties devo resti ĉe la celo de mona stabileco.

Novajoj
Manifestacio por Esperanto-strato en Kazan
Tri kandidatoj por la posteno de UEA-direktoro
Seulo gastigos la kongreson en 2017
Hans Bakker forpasis
Kataluna amasfinancado sukcesis
Pli...

Lastaj komentoj
d-ro Robb Kvasnak on Seulo gastigos la kongreson en 2017
Dieter Rooke on Seulo gastigos la kongreson en 2017

## Reinhard Justus Reginald SELTEN

Reinhard Justus Reginald SELTEN [RAJNhat ZELtn] (1930-) estas matematikisto, ekonomikisto kaj esperantisto.

Li naskiĝis en Breslau, tiam Germanio (hodiaŭ Vroclavo, Pollando). Post la Dua mondmilito li ekloĝis en Okcidenta Germanio. Li studis matematikon en Frankfurt am Main, faris la magistronivelan ekzamenon en 1957 kaj doktoriĝis en 1961. Post plurjara laboro en ekonomiscienca esplorgrupo kaj unujara restado en Usono li en la jaro 1968 habilitiĝis pri ekonomiko en Frankfurto ĉe Majno. Poste li laboris kiel profesoro en Berlino, Bielefeld kaj Bonn. En 1996 li emeritiĝis.



Li estas membro kaj honora senatano de AIS San-Marino, membro de la "Nordrhein-Westfälische Akademie der Wissenschaften" (Nordrejn-Vestfalia Akademio de la Sciencoj) kaj "Fellow of the Econometric Society".

Grava esplorkampo de Reinhard Selten estas la ludoteorio. En 1994 li kune kun John Harsanyi kaj John Nash ricevis la premion pri ekonomiko de la sveda Regna Banko "memore al Alfred Nobel" (ofte nomata Nobel-premio pri ekonomiko). Li estas la unua germano, kiu ricevis tiun premion.

Selten estas fervora esperantisto kaj dum la 84-a Universala Kongreso de Esperanto en Berlino en 1999 gvidis la Internacian Kongresan Universitaton kiel rektoro.

### Verkoj de Selten Rilate al Esperanto Kaj Lingvo-problemo



- Ĉu mi lernu Esperanton?: Enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj; (symmetric equilibria in linguistic games) / Reinhard Selten kaj Jonathan Pool - Bielefeld: Inst. für Math. Wirtschaftsforschung an d. Univ., 1982. - (Working papers / Institute of Mathematical Economics; 112)
- Enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj: ĉu mi lernu esperanton? = Einführung in die Theorie sprachlicher Spiele / Reinhard Selten; Jonathan Pool. - Berlin [k.a.]: Akad. Libroservo, 1995. - (Grundlagenstudien aus Kybernetik und Geisteswissenschaft; Bd. 36, 1995, [Beih.]) ISBN 3-929853-03-5
- La fina venko - ludoteoria modelo / Reinhard Selten. - En: Al lingva demokratio: aktoj de la Nitobe-simpozio de Internaciaj Organizaĵoj, Prago, 20 - 23 julio 1996; p.[175] - 176. [Diskuto p. 177 - 183. Resumo angla p. 33, resumo franca p. 43]

- La kostoj de la Eŭropa lingva (ne-)komunikado / red. Reinhard Selten. Ideo kaj projekto de Giorgio Pagano. Scienca kunordigo de Carlo Minnaja. [Elitaligoj de Umberto Broccatelli]. - Roma: Esperanto Radikala Asocio, 1997. - X, 148 p. : grafikaĵoj, + aldonaĵo, bibliogr. Originala titolo: I costi della (non) comunicazione linguistica europea.
- Por dulingveco en Eŭropo/für Zweisprachigkeit in Europa kun Helmar G. Frank, IFB Verlag Paderborn, 2005

## Parolado de Reinhard Selten en la Eŭropa Parlamento



"Gesinjoroj!
Estas por mi honoro kaj ĝojo paroli al vi hodiaŭ.
En la 50 jaroj post la Traktato de Romo la ekonomia integriĝo mirinde progresis. Daŭris tre longe, sed fundamentaj ŝanĝoj estas politike plenumitaj. Multon oni longe rigardis kiel neeblan, kiel ekzemple la Mona Unio. La Mona Unio montriĝis granda sukceso. Tion oni devas aparte danki al la sendependeco de la Eŭropa Centra Banko kaj al ties devo resti ĉe la celo de mona stabileco.
Kredeble oni decidos pri nova Eŭropa baza traktato anstataŭ la Eŭropa konstitucio. Mi esperas, ke tiam restos senŝanĝaj la sendependeco kaj taskoj de la Centra Banko. La ekonomia integriĝo certe ne estas kompletigita.
La karteljure neriproĉebla transpreno de Nov-Jorka elektroprovizanto fare de Kalifornia elektroprovizanto ne kaŭzus politikan ekscitiĝon en Usono. En Eŭropo ni ankoraŭ ne pretas por io tia.
Necesas stimuli la ekeston de pli forta eŭropa identeco. La eŭropanoj devas lerni senti sin unuavice kiel eŭropanoj."
"Grava malhelpaĵo sur la vojo al pli forta eŭropa identeco estas la lingvaj baroj ene de Eŭropo. Tiu lingvoproblemo postulas solvon. La superrego de unu nacia lingvo ne povas esti la solvo. En la longa daŭro nur neŭtrala solvo estas akceptebla. Neniun nacion ni rajtas malavantaĝigi.
Facile lernebla planlingvo kiel Esperanto ebligas neŭtralan solvon de la lingvoproblemo. Duan fremdlingvon oni lernas multe pli facile ol la unuan. La dualingva efiko estas tiom forta, kaj Esperanto tiom facila, ke estas pli favore unue lerni Esperanton kaj poste nacian fremdlingvon, ol nur tiun fremdlingvon solan. Tio estas science pruvita per lernejaj testoj.
Unue kelkaj landoj povas fari traktaton pri lerneja instruado de Esperanto. Poste oni povos vastigi tiun traktaton al aliaj landoj. La vojon de traktatovastigo oni plurfoje iris sukcese, ekzemple pri la Schengen-Traktato kaj la Mona Unio.
Mi dankas pro via atento!"
Reinhard Selten en la Eŭropa Parlamento la 9-an de majo 2007

# Parolado kaj artoj:

## Teatro



Teatro (de la greka θέατρον, theatrón aŭ «kontemplejo» kaj tio siavice el θεάομαι theáomai, "vidi", "rigardi", "observi") estas belarto pri verkado kaj aranĝado de rakontoj (ĉu fikciaj ĉu bazitaj sur realaj eventoj) prezentotaj al spektantoj fare de aktoroj, kantistoj, dancistoj aŭ per marionetoj. Teatro konsistas je kombino de parolado, gestoj, scenaro, muziko, sono kaj spektaklo. Ĝi estas ankaŭ la literatura ĝenro kiu enhavas la verkojn pripensitajn por ludado sur scenejo, antaŭ publiko.

## Skultptado



*Jens Galschiot, Dana skulptisto*

Mia Interna Besto estas skulptaĵo el betono de dana skulptisto Jens Galschiot, kiu 230 cm-jn altas. En la daŭro de du tagoj en 1993 ĝi estis muntita senpermese en publikaj spacoj en 20 eŭropaj urboj kiel admono kontraŭ la kreskanta rasismo. La projekto estis nomita la plej granda arta okazajxo en Eŭropo.
La titolo de la skulptaĵo estas inspirita de la germana socialdemokrato Kurt Schuhmacher (1895-1952) kiu en 1932 en fama parolado en la parlamento lanchis la esprimon 'Mein innerer Schweinehund' pri la rasisma agitado de la nazioj, kiu alvokis la plej primitivajn instinktojn de la homo.

**Inaŭguro en "Esperanta Ĝardeno"**

Sabaton la 21an de majo 2005, en la "Esperanta Ĝardeno" de Via F. Filzi 51, Cormano (MI), okazis (poste ĝi estis konfiskata dum 11 jaroj) la oficiala inaŭguro de "Mia Interna Besto", statuo de la dana artisto Jens Galschiot, tiu ĉi skulptaĵo portretas personon kiu surhavas longan kapoton kaj kun la kapo kaj piedoj de porko. Laŭ la intencoj de la artisto, tiu ĉi skulptaĵo simbolas la beston kiu estas en oni kaj de tempo al tempo eliras provokante rasismon, maltoleremon kaj ekscesojn.

En la inaŭguro partoprenis la Urbestro de Cormano D-ro Roberto Cornelli, la Kulturskabeno de la Milana Provinco D-rino Daniela Benelli kaj aliaj eminentuloj, kompreneble kun la partopreno de ĵurnalistoj kaj multaj simpatiantoj.

Post la ceremonio sekvis regalado kaj vizito al "Esperanta Ĝardeno".

Esperanta Ĝardeno




## Ĉefaj fontoj

http://www.speakingaboutpresenting.com/presentation-myths/research-nonverbal-communication/
http://www.kaaj.com/psych/smorder.html
http://sokhanrani.org/portal/?p=2664
http://en.wikipedia.org/
http://eo.wikipedia.org/
http://www.brainyquote.com/

# La bagatelaj unuoj

Iam per unu parolo trankviliĝas la koro
Iam per unu guto superverŝas la glaso
Iam per unu vorto pereiĝas la homo
Iam unu rideto varmigas la tutvintron de homo
Iam unu mesaĝeto amema renovigas flamon de amo
Iam unu rigardo moka ruinigas la fieron de homo
Iam per unu malafableco rompiĝas la koro
Iam per unu glaso da teo elfluas larmoj del' patrino
Iam unu fajrero ekflamigas konstruaĵon
Iam per sendo de etrakonto malligiĝas la amikeco
Iam unu simpla afero malfermas la pordojn del' paradizo
Ni gardu pri kelkaj unuoj, kvankam bagatelaj sed estas ĉiuj.

*Verkis: Reza Ŝirmohamadi el Irano*
*Tradukis: M. Fahmi*

Tradukis: D-ro Keyhan Sayadpour

ترجمه به اسپرانتو: دکتر کیهان صیادپور

# Floroj el "La Florejo de Sadi"

# گل‌هایی از "گلستان سعدی"



*Post iom da paŭzo, vi povas denove ĝui ilin.*

En la reto de malforta fiŝisto kaptiĝis forta fiŝo; li ne kapablis teni ĝin, do la fiŝo superis kaj forprenis la reton kaj foriris.

صیادی ضعیف را ماهی قوی بدام افتاد . طاقت حفظ آن نداشت . ماهی بر او غالب آمد و دام از دستش در ربود و برفت.

Li iĝis sklaveto portanta river-akvon,
la river' inunde kunportis la sklaveton.
La reto ĉiam kunportis multe da fiŝoj,
Ĉifoje fiŝ' iris kaj kunportis la reton.

شد غلامی که آب جوی آرد
جوی آب آمد و غلام ببرد
دام هر بار ماهی آوردی
ماهی این بار رفت و دام ببرد

Aliaj fiŝistoj bedaŭris kaj riproĉis lin: "Kial kaptinte tiun ĉasaĵon vi ne povis teni ĝin?" Li respondis: "Ho la fratoj, kion mi povas fari kiam la sorto diktis ke mi nenion ĉasu kaj tiu fiŝo alian tagon pasu?" Kontraŭ-sorte fiŝisto el Tigriso ne fiŝ-kaptivas kaj laŭ-sorte fiŝo eĉ sur la tero plu vivas.

دیگر صیادان دریغ خوردند و ملامتش کردند که چنین صیدی در دامت افتاد و ندانستی نگاه داشتن. گفت: ای برادران، چه توان کردن؟ مرا روزی نبود و ماهی را همچنان روزی مانده بود . صیاد بی‌روزی در دجله نگیرد و ماهی بی‌اجل بر خشک نمیرد .



Ŝtelisto diris al almozulo: "Ĉu vi ne hontas kiam por ricevi monon vi etendas vian manon antaŭ ĉiun avaran personon?" La almozulo respondis:

"Etendi sian manon por ricevi monon
Estas preferinde ol ŝteli la kvaronon."

دزدی گدایی را گفت شرم نداری که دست از برای جوی سیم پیش هر لئیم دراز می‌کنی؟
گفت:

دست دراز از پی یک حبه سیم
به که ببرند به دانگی و نیم

ترجمه: سیمین عمرانی

# دور دنیا در ۷۹ روز

قسمت بیست‌ودوم




**یوآخیم کاپیتان**

**روز پنجاهم**

یوچن تئوبالد رئیس کشتی است. به‌عنوان کاپیتان در کشتی هرچه اتفاق بیفتد او مسئول اصلی است. جای کنجکاوی دارد که نام او در آلمانی به همانی معنی اسم "یوآخیم" به کاتالونیایی است و در این باره کمی کنکاش می‌کنیم. کاپیتان ما سگ دریایی پیری است که تقریبا تمام عمرش را در دریا گذرانده است و این زندگی را از سال ۱۹۶۵ که به‌عنوان دریانورد استخدام شد شروع کرده است. او سلسله مراتب ترفیع مقام را در همه درجات تا کاپیتانی طی کرده و انسانی است که خود را با قدرت پشتکار و پایمردی ساخته است.

او یک راهنما است و آدم تجربه او را کاملا ملاحظه می‌کند: مثلا وقتی لازم است قیافه‌ای جدی به خود می‌گیرد و با آن‌چه که می‌داند و می‌تواند به جستجو می‌پردازد. هیچ‌وقت مسائل را باهم قاطی نمی‌کند و در تلاش است که همه نقش او را در زنجیره فرماندهی درک کنند. ۸۴ روز کشتی‌پیمایی و سوار بر دریا زمانی طولانی است، و از دست دادن اعتماد به نفس و قدرت پایان خوب یک سفر را می‌تواند دهشتناک سازد.

یوچین دریا را دوست دارد و آن‌جا همیشه حالش خوب است. زندگی رؤسای آلمانی کمی بهتر از همتایان فیلیپینی‌شان است: اولی‌ها ۴ ماه در دریا می‌گذرانند و ۲ ماه در خشکی هستند، در حالی‌که دومی‌ها ۹ ماه روی آب و ۳ ماه باقی‌مانده را فقط می‌توانند پایشان را روی زمین سفت بگذارند. کاپیتان توضیح می‌دهد، که همه‌چیز بستگی به موقعیت دارد و طول مدت کار آن‌ها چندان واقعی نیست و کاملا به سفر بستگی دارد. ما راجع به خانواده‌اش می‌پرسیم:

ــ من زن دارم. البته فقط یکی نه بیش‌تر.

ما به او می‌گوییم که دریانوردان در هر بندری برای خود یکی را دارند.

ــ اینو می‌دونم، ولی ما می‌گوییم به ازاء هر بندرگاهی ۲ تا معشوقه.

آلمانی‌ها همیشه باید نسبت به دیگران سرتر باشند، و جایی که ما یکی داشته باشیم، آن‌ها دومی را اضافه می‌کنند.

او توضیح می‌دهد که کشتی چطور کار می‌کند، سرعت طبق گره دریایی، کیلومترها برای ساعت و روز، نقشه‌های دریانوردی، جزایر کجا هستند، خطرات، عمق و غیره. می‌پرسیم **Pearl Harbour** کجاست و او جزایر هاوایی را نشان می‌دهد. به نقشه نگاه می‌کنیم و فاصله آن را که تا ژاپن می‌بینیم نمی‌توانیم از خودمان نپرسیم، چرا ژاپنی‌ها تصمیم گرفتند این‌قدر احمقانه و مزخرف عمل کرده و **Pearl Harbour** را بمباران کنند و در مقابل بزرگ‌ترین قدرت جهانی بایستند. باور کردنی نیست. احتمالا به این جریان تنها یک ژاپنی فکر کرده است. شوخی‌ای هست که با اطمینان می‌گوید، اگر یک ژاپنی تنها، خودش برای خودش فکر کند، کودن است، اما اگر دوتا باهم بشوند جایزه صلح نوبل را به‌دست می‌آورند. از طرف دیگر، بمباران‌کردن یک کشتی نه‌چندان باارزش برای ورود به جنگ عادت امریکایی‌هاست، و در این باره اسپانیایی‌ها تجربه آن را داشته‌اند.

این کشتی آلمانی است اما این‌طور نشان نمی‌دهد، بلکه کره‌ای به‌نظر می‌رسد، تازه آن هم ساخت کره جنوبی البته زیر نظر مهندسین آلمانی. آن متعلق به یک بانک آلمانی است که به شرکت تجاری هانجین اجاره داده شده است. کمپانی آلمانی **NBS** مسئولیت سرپرستی، مباشرت و تامین پرسنل آلمانی را بر عهده دارد. دریانوردان فیلیپینی از طرف کمپانی دیگری به‌نام **Colombia Ships Manegment** حمایت می‌شوند که کادر فیلیپینی‌ها را از طرف خود به **NBS** یا مستقیما به هانجین اجاره می‌دهد.

شرکت کلمبیا بخشی از یک واحد تجاری مالی است که قسمت قابل ملاحظه‌ای حدود چهارصدهزار دریانورد فیلیپینی را که خارج از کشور کار می‌کنند کنترل و بازرسی می‌نماید. قراردادی برای ۹ ماه پیاپی با آنان امضا می‌کند، و بعدا مهلتی برای استراحت می‌دهد و کارکنان کشتی را برای سفر بعدی تعویض می‌کند؛ به این ترتیب از استخدام پرسنل برای زمانی نامشخص و حمل بار اجتناب می‌ورزد. هانجین فقط باید به بانک پرداخت کند و تقبل خدمات، حمل و تحویل بار، مراقبت در نقل و انتقال خوب بار کشتی را مورد نظر داشته باشد. **NBS** هم افراد را پیمانی استخدام می‌کند، و از یافتن تکمیل کادرهای مناسب، مسافر و انواع فاکتورها و تدارک غذاهای ناچیز خلاص است. این‌جوری بهای معامله کشتی‌های تجاری در پنج شرکت دامنه گسترده‌تری پیدا می‌کند، بیمه‌شده و مطمئن چنان که معمول است.

**ادوارد آلکووِری**

**روز پنجاه و یکم**

ادوارد آلکوور کادابارو فیلیپینی ۴۹ ساله، مثل بقیه افراد کشتی کوتاه‌قد است و ۴ تا بچه دارد، مثل اکثر دریانوردان دیگر، او هم

توضیح می‌دهد که زوج‌های امروزی به دوتا قانع‌اند. انگار او و امثال او خود را مقصر می‌دانند از این‌که جای زیادی را در کره زمین اشغال کرده‌اند و همگی از این بابت عذر تقصیر دارند.

آلکوور نام خانوادگی مادر اوست که آن را به‌عنوان اسم دوم در اسناد اداری به‌کار می‌برد، برای خارجیان، آن‌ها فقط تنها یک نام خانوادگی دارند، مثل اکثر جاهای دیگر دنیا. با فیلیپینی‌ها صحبت درباره‌ی اسپانیا قابل اجتناب نیست و او درباره معنی نامش از ما سوال می‌کند:

ـــ آیا آلکوور به اسپانیایی معنی می‌دهد؟

ـــ بله، آکلووردر اصل نام روستایی در نزدیک محل اقامت ماست.

ـــ چقدر جمعیت دارد؟

ـــ سه چهار هزار نفر.

او خواهش می‌کند که دوباره آن را تکرار کنیم. خود را محروم احساس می‌کند، چون نام او به شهر بزرگی تعلق ندارد. او را دلداری می‌دهیم، که آن روستا نزدیک **Reus** است و **Reus** در مرکز دنیا واقع شده است. انگارگفته‌های ما که به سبک و سیاق کشور خودمان به او گفتیم دلداریش داد و تسکین یافت.

او یک دریانورد ابدی است، اما خب مثل بقیه گاهی از این کار خسته می‌شود و دوست دارد در خشکی مشغول به‌کار شود و با خانواده‌اش زندگی کند.

ـــ نه، از این زندگی خوشم نمی‌آید، حتی دریا را هم دوست ندارم. از سال ۱۹۷۴ مشغول به این کار شدم. ۱۱ ماه تو خونه نیستم و وقتی بازمی‌گردم چندتا از پسرهایم را نمی‌شناسم، چون آن‌ها خیلی بزرگ شدند. اگر تو خود فیلیپین کاری پیدا می‌کردم، همه‌چیز را ترک می‌کردم و روی زمین و خاک مشغول به کار می‌شدم. ولی آن‌جا هیچی نیست. بی‌کاری غوغا می‌کند، کارخانه‌ای نیست، درست کارآفرینی نمی‌شود و همه‌چیز ظاهرا تغییری نخواهد کرد. حتی توریست‌ها هم به فیلیپین نمی‌روند چون خطرناک است: پلیس‌ها فاسدند، تو خیابون ممکن است جلویت را بگیرند و آن را ضبط کنند به جرم این‌که مواد مخدر داخل آن است و آخر سر با پول سر وته قضیه رو باید هم بیاری تا با ارجاع به اداره پلیس درگیر نشوی.

او اکنون به‌عنوان افسر سوم انجام وظیفه می‌کند، ولی دوست ندارد کاپیتان شود، چون مسئولیت سنگینی است. ما جریان آن کاپیتانی را که اسکله را از وجود شرکت نفتی **Repsol** در ناحیه **Tarragona** کاتالونیا روفت و به دور ریخت برای او تعریف می‌کنیم. در کشتی آن‌چه که ما تجربه کردیم این بود که همه استانداردها و سلسله مراتب اداری را خوب می‌شناسند و با وسواس به آن احترام می‌گذارند. همه توضیح می‌دهند، که هیچ‌وقت با دریانوردان دیگر این کشتی قبلا سفر نکرده‌اند و اگر کرده‌اند حداکثر یک دفعه، اکثریت روی کشتی در شروع کار با یکدیگر آشنا شده‌اند. بدیهی است برای تحمل ۸۴ روز در وسط دریا، با آدم‌های کاملا ناشناس، همه‌چیز به‌طور شفافی برای اجتناب از هر مسئله‌ای واضح و مشخص است. خب البته، این‌جا نمی‌توانست زیاد مورد داشته باشد زیرا هرمان بین همه صلح و آرامش برقرار می‌کند.

ادوارد تعریف می‌کند، که در کشتی قبلی کارش ۵ تا دختر بودند که با کشتی دور دنیا سفر می‌کردند و یکی از آن‌ها شیفته یکی از دریانوردان فیلیپینی شده و با او مراوداتی داشت. با رسیدن به استرالیا، هردو آن‌ها کشتی را ترک کردند. گویی ما نیز داشتیم می‌دیدیم آن ۵ تا دختر را با ۲۰ تا دریانورد که طی شش ماه گذشته به خانه نرفته بودند و حسرت مزه‌مزه کردن مرغ و جوجه به دلشان مانده بود و... پیش چشم‌مان آمد.

از او می‌پرسیم مگر در کشتی هم می‌توان دوست شد، و او جواب می‌دهد که سخت است، چون با رسیدن به فیلیپین همه می‌خواهند پس از چنین زمان طولانی به خانه بروند و هیچ‌وقت همدیگر را دوباره نخواهند دید.

ادوارد می‌گوید: مسافران هیچ مشکلی را ایجاد نمی‌کنند، اما اگر تعدادشان بیش از اندازه باشد او از جایگاه فرماندهی هیچ‌چیز را نمی‌تواند ببیند. این جریان برای او پیش می‌آید در حالی که دیگران دارند با یکدیگر خوش و بش می‌کنند و توجهی به بیرون ندارند و حواس‌شان به دستگاه‌ها هم نیست. او هیچ‌گاه مساله جدی نداشته است، ولی با تاکید اظهار می‌دارد، که این کار برای آدم‌های حواس‌پرت اصلا مناسب نیست.

مثلا موقع بارگیری خیلی باید دقت کرد، چون اگر بارها در کشتی خوب و درست تقسیم و توزیع نشوند کشتی یک‌دفعه از وسط دو نصف می‌شود.

برای او این جریان پیش نیامده اما وی به این امر آگاه است. در آخر به ما یادآوری می‌کند، که یادمان نرود نوار ویدیویی ماتادور را برایش ارسال کنیم. چه دل‌مشغولی آن هم به‌خاطر مبارزه گاوهای وحشی!

بیماری دریایی

روز پنجاه و دوم

دریا بیش‌تر به هم ریخت، و زمانی خود را نشان می‌دهد که ما ازخواب بیدار می‌شویم و کف کابین را لمس می‌کنیم، چون تقریبا نمی‌توانیم محکم سرپا بایستیم. در طول صبحانه به هرمان این مورد را می‌گوییم اما او اطمینان می‌دهد که موردی نیست و ما موقعی که طوفان و کولاک شروع می‌شود بایست ببینیم کشتی چطور با امواج برخورد می‌کند و آب از بالای سر کشتی به آن طرف موج برمی‌دارد. در رمان ژول ورن، بیوه هندی‌ای که فیلیس فوگ او و شوهرش را به‌هنگام سوزانیده شدن در آتش از مرگ نجات می‌دهد سوار بر کشتی بادی سبک دو شراعی کم طول و عرض عمیقا به اقیانوس تمام مدت می‌نگرد و در آن تأمل می‌کند و ژول ورن می‌گوید که نه فیلیس و نه آن زن جوان از بیماری‌های دریایی رنج نمی‌برند. حالا ما نمی‌دانیم اگر توی چنان کشتی بودیم و با آن سفر می‌کردیم چه بلایی سرمان می آمد.

گرتهارد هرمان به‌عنوان مشاور خصوصی ما ایفای نقش می‌کند و درباره مرض‌های دریایی توضیح می‌دهد. دسترسی به او نسبت به سایر افسرانی که می‌خورند، کار می‌کنند یا می‌خوابند بهتر است. آن‌های دیگر را سخت می‌شود گیر آورد. او تمام بنادر و شهرها را می‌شناسد و راجع به هرجایی که حرف می‌زنیم او آن‌جا بوده است. اگر چیزی درباره کشتی بلد باشیم او آن را می‌شناسد و می‌داند و خودش قادر خواهد بود یک کشتی را به تنهایی هدایت کند.

در سفر آینده او مسیر ساحل نروژ را طی خواهد کرد: گشت‌زنی

